


*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIa, XVII.)
CAMOENS

**5a jaro Julio 1935 N-ro 50**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio* :
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)

## MEMORINDAJ TAGOJ

6. 1816.—*Eksleĝigo de la sklaveco en Venezuelo.*

9. 1811.—*Naskiĝo de la usona verkistino Beecher Stowe, aŭtorino de «La Kabano de Tom».*

13. 1831.—*Naskiĝo de pastro Schleyer, aŭtoro de «Volapük».*

21. 1775.—*Papo Klemento XIVa nuligas la Kompanion de Jesuo.*

24. 1856.—*Eksleĝigo de la sklaveco en Portugalujo.*

## —o— SALUDO —o—

En sustitución de D. Julio Mangada ha sido elegido presidente D. Sidonio Pintado, y en la Asamblea del pasado mes de febrero fueron elegidos vicepresidente y tesorero, respectivamente, D. Luis Rodríguez Escartín y D. Benito Anguiano, en sustitución de los señores Perogordo y Sosa.

Así renovada, la Junta directiva dirige un atento saludo a todos los hea'anos, así sociedades esperantistas como samideanos aislados, en cuya colaboración confía la Junta para que la Asociación continúe su marcha entusiasta y progresiva, no sólo conservando todos los éxitos conseguidos hasta hoy, sino obteniendo otros nuevos hasta lograr el triunfo final.

LA DIRECTIVA

## ACTA LX DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 20 horas del día 1.° de junio de 1935, se reunió en sesión extraordinaria la Junta Central Ejecutiva, con asistencia de los directivos que se indican al margen.

Se aprobó el acta de la sesión anterior.

El objeto de la reunión fué dar posesión de su cargo al nuevo presidente, D. Sidonio Pintado. D. Julio Mangada expresó su satisfacción por el buen estado de H. E. A. y su convencimiento de que seguirá con no menor prosperidad bajo la dirección del nuevo presidente. El Sr. Pintado agradeció los elogios del Sr. Mangada y manifestó que haría lo posible para que continuara la marcha ascendente de la Asociación. También hablaron los señores Anguiano, San Antonio y Marauri para reiterar su sentimiento por el cese voluntario del Sr. Mangada, dar la bienvenida al nuevo presidente y expresar su convencimiento de que H. E. A. triunfará en su lucha por el Esperanto.

El Sr. Marauri añadió que desea conste en acta que no pudo asistir a la sesión anterior por ocupaciones particulares, pero que suma su voto al de los que votaron a favor de D. Sidonio Pintado.

D. Benito Anguiano lee el estado de cuentas al empezar el mandato el nuevo presidente, y que se copia a continuación. Y no habiendo más asuntos pendientes se levantó la sesión.

El secretario, *Fernando Redondo*.—V.° B.°: El presidente, *Sidonio Pintado*.

Asistieron: El presidente; D. Julio Mangada, ex presidente; don Benito Anguiano, tesorero; D. Fernando Molina, vicetesorero; doña Visitación Martín, bibliotecaria; D. Carlos de San Antonio, D. José Artigas y D. Javier Marauri, vocales; D. Jacinto Martín, vicesecretario, y el secretario.

---

## ACTA LXI DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 20 horas del día 10 de junio de 1935, se reunió la Junta Central Ejecutiva en el domicilio de la Asociación (Chinchilla, 2), asistiendo los miembros que se indican al margen.

Fué aprobada el acta de la sesión anterior.

El vicesecretario dió cuenta de haber interesado de la L. K. K. del XXVII Congreso interese del Gobierno español el nombramiento de un representante oficial para el Congreso, y propuso que, coincidiendo con las gestiones que haga dicho L. K. K., se solicite la correspondiente designación en los Ministerios de Estado, Guerra y Marina, que es donde más probabilidades hay de conseguirlo. Se acordó que por la índole del asunto se hagan las mismas gestiones en Instrucción Pública y en Comunicaciones.

El Sr. Molina habló de una circular de D. Roberto Kreuz al Sr. Mangada, encargado de la propaganda del XXVII Congreso, con indicaciones para la propaganda, y que, a juicio del Sr. Molina, dejan entrever ciertas dificultades para el Congreso. El Sr. Escartín contesta que no cree en la existencia de tales dificultades, pero que se puede intensificar la propaganda. Se acuerda volver a reunir la Junta el lunes, día 24, para tratar este asunto ampliamente, así como un plan de propaganda esperantista en general.

A propuesta del Sr. Escartín se acuerda editar doscientos ejemplares de la tarjeta del Congreso.

Dió cuenta también el vicesecretario de la contestación dada al alcalde de Cádiz (incluyéndole un ejemplar de la revista de junio), relativa al cambio de nombre de la calle del Dr. Zamenhof; de la adquisición de los *BES-adresaroj*, y de haber encargado más ejemplares de *Plena-Vortaro* para los heaanos.

Se acordó dirigir una carta circular a las demás Sociedades espe-

rantistas de España (sean o no miembros de H. E. A.) con motivo de la renovación de la Junta; se tomaron varios acuerdos para la propaganda, y se levantó la sesión.

El secretario, *Fernando Redondo*.—V.° B.°: El presidente, *Sidonio Pintado*.

Asistieron: el presidente; D. Luis R. de Escartín, vicepresidente; D. Benito Anguiano, tesorero; D. Fernando Molina, vicetesorero; doña Visitación Martín, bibliotecaria; D. Carlos de San Antonio, D. José Artigas y D. Javier Marauri, vocales; D. Jacinto Martín, vicesecretario, y el secretario.

——o——

## ACTA LXII DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 20 horas del día 24 de junio de 1935, se reunió la Junta Central Ejecutiva en el domicilio de la Asociación, asistiendo los directivos que se indican al margen.

Se aprobó el acta de la sesión anterior.

Se leyó la circular del Sr. Kreuz relativa al XXVII Congreso Internacional, y la minuta de la contestación redactada por el encargado de la propaganda de dicho Congreso; es aprobada.

El vicesecretario da cuenta del despacho ordinario de Secretaría.

Se acordó que en la próxima reunión, que se celebrará el 8 de julio, presente el tesorero un presupuesto para proyectar, en vista de las posibilidades económicas de la Asociación, un programa de propaganda, y se levantó la sesión.

El secretario, *Fernando Redondo*.—V.° B.°: El presidente, *Sidonio Pintado*.

Asistieron: el presidente; D. Benito Anguiano, tesorero; D. Carlos de San Antonio, D. José Artigas y D. Javier Marauri, vocales; D. Jacinto Martín, vicesecretario, y el secretario.

---

Pastro demandas altarserviston:
—Ĉu vi scias bone vian devigon?
—Jes, patro.
—Ni vidos: Kio estas necese, antaŭ ĉio, por ekbruligi kandelon?
—Ke ĝi malbrulu.

## HISPANA ESPERANTO - ASOCIO

**Balance correspondiente a los meses de marzo, abril y mayo**

*D E B E*

| | Pesetas |
|---|---|
| Existencia en Caja el día 11 de marzo, fecha de la toma de posesión del cargo | 2.870,07 |
| Ingresado por 17 cuotas de 2,50 / Idem por 54 íd. de 2,00 / Idem por 29 íd. de 1,50 | 194,00 |
| Idem por venta de obras | 147,80 |
| Idem por venta de estrellas y medallas «Santander» | 18,00 |
| Idem por entrega del «Grupo Central Madrid» | 392,40 |
| Idem por devolución de «Libraire Centrale Esperantista», de París | 26,65 |
| Idem por subvención del Estado (primer trimestre) | 2.161,10 |
| *Suma el Debe* | 5.810,02 |

*H A B E R*

| | |
|---|---|
| En cuenta corriente en el Banco de España | 2.661,10 |
| Alquiler de la casa (abril y mayo) | 200,00 |
| Gratificación a la portera (abril y mayo) | 20,00 |
| Personal de Secretaría en abril y mayo | 240,00 |
| A la imprenta Chulilla y Angel (facturas números 8.457, 8.460 y 8.508) | 408,00 |
| Gastos de Secretaría durante dichos meses | 280,30 |
| A S-ro. Julio Mangada, a cuenta de la edición «Amelia kaj Marina», por libros vendidos con arreglo a condiciones | 188,00 |
| A L. Berger, adelanto edición BES-Adresaro | 414,28 |
| Librería Centrale Esperantista, París | 93,98 |
| A Keil, por adquisición de insignias | 34,18 |
| A Bannier, por adquisición de Diccionarios | 268,90 |
| Dos pólizas para la cuenta corriente del Banco | 6,00 |
| *Suma el Haber* | 4.814,74 |

RESUMEN

| | |
|---|---|
| Suma el Debe................................ | 5.810,02 |
| Suma el Haber................................ | 4.814,74 |
| *Existencia en Caja en el día de la fecha...* | 995,28 |

Madrid, 1.° de junio de 1935.—El Tesorero, *Benito Anguiano*.—El Presidente saliente, *Julio Mangada Rosenörn*.—El Presidente entrante, *Sidonio Pintado*.

## LA AMO

Ĉiam kaj ĉie la poetoj kantis kaj kantas la amon, kiel se nur ekzistus la amo por esti kantata de ili.

Poezio kaj amo estas najbaraj; tamen ĝenerale estas malproksimaj unu de la alia la versaĵo kaj ĝia verkanto.

Verŝajne por mi, ne estas poeto tiu, kiu verkas versojn, same kiel ofte ne sentas amon tiu, kiu diras ami.

Takto estas nepre necesa por kanti; larmoj, por plori; oni ne povas oferdoni tion, kion oni ne havas.

Ne ĉiuj scias veki la amon, kiu dormas ĉe nia mio.

Oni parolas pri amo same kiel pri simplaĵo!

Dio kaj amo nestas intime ĉe la profundo de la homo.

Konscii la amon kiel deziron aŭ ian apetiton estas blasfemi. La amo estas diero de ĉiu estanto, kaj ĝi ne povas eĉ stareti ĉe la malsupera mondo de la kaprico.

Amo, senmakula sekreto, spirita fluo pura je ambicio kaj libera je la malĝentilaj rigardoj! Kiam mi, ĉe mia mio, serĉas la senmakulan neston, sur kiu ripozas la amo, ĉi tiun rigardadas la okuloj de mia animo kaj kisas la lipoj de mia spirito, kaj mi tre singardeme atentas por ke ĝi dormu kaj vekiĝu milde propramove lumigante mian malhelan koron per sia dia elradio. Post kiam mi ricevis tian belan feliĉon, mi gardas ĉe la fundo de mia animo la juvelon, kiun tiel ameme kaj atenteme mi malkaŝis, kaj kiam mi aŭdas perfidulojn kaj prostitulinojn parolantaj pri amo, konfuzantaj ĉi tiun kun la plej malindaj pasioj, mi sentas al ili kompaton, kaj mi min rifuĝigas ĉe mia mio por konstati, ke la amo vivas ĉe mi profunde sekrete kaj pure.

Nur ĝi konas la amaton kaj amataĵon kaj nur ĝi ĝuas la superegan vivon. Ĉe la koro vivas la dia poezio kaj la heroa doloro, kiuj ju pli ŝin kaŝas, des pli amas kaj intense ĝuas.

Hispane verkis: EMILIO G. LINERA

## LA CID' ALVENAS AL BURGOS

Alvenis Cid' Ruj Díaz,—de Burgos al la Pordoj
Sesdeko da standardoj—lin sekvas kun honoro.
Eliris por lin vidi—tre multenombraj homoj
Geburĝoj lin rigardas—fenestre de la domoj
plorante ĉiuj: ilin—kunpremas la doloro
kaj el la buŝoj ĉiuj—eliras nur parolon:
Kia vasal', se estus—al li bona sinjoro!

---

Ĉiuj volus lin gastigi—sed kuraĝas ja neniu
Ĉar la reĝo Don Alfonso—tre malamas mian Cidon
El reĝ' venis al la urbo,—antaŭ ol la vesperiĝo
per vasalo konfidata—zorge sigelita skribo
ordonante ke al homoj,—kiuj Cidon ekgastigos
la okulojn de l' vizaĝo—kaj la havon (*) li perdigos
kaj eĉ pli iliajn—korpojn kaj animojn.
Ne kuraĝas la kristanaj—homoj al li diri ion;
grandan la ĉagrenon havas, kaŝas sin el lia vido.

Al sia gastejo marŝis—direkte la Batalisto;
sed li trovas ja la pordon—fermata per la ŝlosilo
pro l' ordono de la reĝo—Don Alfonso, pro la timo;
tial se li ne ĝin rompus—per neni' ĝi malfermiĝos.
Vokas, per tre laŭtaj voĉoj—la kunuloj de la Cid'o
L' internuloj ne kuraĝas—eĉ respondi vortesprimon.
La ĉevalon mia Cid'o—pikis per la spronpikilo
al la pordo li alvenis—ŝovas li el piedingo
la piedon, kaj frapbatas—li la pordon sen utilo.
Ĝi ŝlosita bone estas—ne ricevas ĝi movigon.

Antaŭ mia Cid' aperas naŭjaraĝa infanino
—Ja, bonhore, Batalisto, ke kunprenis Vi armilon;
la reĝ' malpermesis; venis—nokte hieraŭ la skribo
(per vasalo konfidata kaj severa kontrolilo)
Ke al Vi ni nek malfermu—nek gastigu ni pro io;
Ni kontraŭe perdos domon kaj havaĵon, nian ĉion
kaj ankoraŭ, ve, ni perdos—de l' vizaĝoj l' okulvidon.
Cido, je malbono nia—Vi profitos ja nenion;

---

(*) Li (la reĝo) perdigos al la gastigantoj la havajon, k. c.

sed vin savu la Kreinto—per sanktegaj siaj virtoj
Diris tion kaj al hejmo reeniris la knabino.
Cido vidis, ke de l' reĝo ne atingos senkulpigon,
lasis pordon, kaj al Burgos li rajdadis per rapido.
Derajdiĝis alveninte al preĝej' Sankta Mario,
surgenuis kaj preĝadis li per granda, kora fido;
post preĝado li denove—rajdis kun la militistoj
kaj riveron Arlanzon'on—li traversis post eliro.
Apud Burgos, tia urbo,—sur la ŝtona riverlimo
Oni metis lian tendon,—kaj elrajdis tuj la Cido,
Mia Cido, tiu, kiu,—prenis je bonhor' armilon,
sur la ŝtonetoj' kuŝadis—ĉar gastigis lin neniu:
ĉirkaŭ li restas la Siaj—estas bona la kuniĝo.
Tiel mia Cido kuŝas,—kvazaŭ estus ĉe montpinto
Oni malpermesis al li,—ja en Burgos la gastigon.
El aferoj ĉiuklasaj,—kiuj taŭgas por nutriĝo
Oni kuraĝus vendi—al li eĉ por monermilo.

*Tradukis*: A. N. D.

(El la eposa poemo «Kanto de mia Cid'»; en opinio de historiistoj, plej antikva hispanlingva literatura verko, kredeble el la XII jarcento kaj de nekonata aŭtoro.

La legenda kaj, tamen, historia kavaliro Cid' Don Rodrigo Díaz del Vivar inspiris multajn verkojn, krom hispanajn, ankaŭ fremdlandajn, inter kiuj la samnoman Corneille tragedion.)

---

## A LOS MAESTROS ESPERANTISTAS

Para confraternizar, tanto entre los demás maestros samideanos como con el resto de los esperantistas, y a fin de ir cambiando impresiones acerca de la marcha de nuestro movimiento lingüístico, se les invita a las reuniones que semanalmente se celebran en el Café Lisboa (calle Mayor, junto a la Puerta del Sol), los viernes, de siete a nueve de la noche.

Como a tales reuniones asisten señoras y frecuentemente hay ocasión de hablar con extranjeros, y ello, a la vez que ejercicio práctico es motivo de propaganda, se les ruega la asistencia a dichas reuniones.

malgranda truo por la forfluo de la akvo, *lofobrankoj* (ekzemple, la *singnato*, longa kaj maldika o.); o-j. kun naĝiloj tute molaj, *malakopterigiaj*; o-j. kun rigidaj pikaj naĝiloj kaj kombilformaj brankoj, *akantopterigiaj*.

Malakopterigiaj o-j.—Serpentosimila manĝebla o., *angilo*. Mara angilego, *kongro*. Angilo sen torakaj naĝiloj, *mureno*. Angilo, kiu povas kaŭzi elektran efikon, *gimnoto*. O-j. kun grandaj delikataj skvamoj kaj grandaj brankoj, *klupeoj*. Specoj de klupeoj, *alozo* (mara), *elopso* (kies skvamoj taŭgas por briligi falsajn perlojn), *eritreno* (dolĉakva, el intertropikaj landoj), *engraŭlo* aŭ *enkrasikolo* (malgranda), *kateso*, *lepisosteo* (kun fortaj skvamoj), *megalopso*, *notoptero* (el dolĉakvaj lagoj de Hindujo), *osteogloso*, *pristigastro*, *sperato*. Plejofta klupeo, *haringo*. Iaj specoj de haringo, *anĉovo* (malgranda), *sardino* (*sardeno*, laŭ Verax), *sproto*; sardino konservata en oleo, *sardelo*; bongusta o. kun grandaj skvamoj, mara, sed naskiĝanta en riveroj, *salmo*. Salmoidoj: *truto* (rivera, pli malgranda ol salmo), *osmero* (mara kaj pligranda), *aŭlopo*, *huŝo*, *koregono*, *saŭro*, *serasalmo*, *skopelo*. Riverfiŝoj kun malgranda buŝo plejofte sendenta kaj ĉirkaŭata de haroj, *ciprinoidoj*. Iaj ciprinoidoj, *ciprino* (*cipreno*, laŭ Verax), *karaso* aŭ *karaceno*, *karpo* (kun grandaj koloraj skvamoj), *kobito*, *leŭcisko* (malgranda), *tinko* (manĝebla kaj malgranda kun malhelaj orkoloraj skvamoj). Specoj de karpoj, *bramo*, *ploto*, *barbio* aŭ *barbfiŝo* (kun kvar buŝharoj kaj longo foje da metro kaj duono). Flugila o., *ekzoceto*. Iaj maraj o-j., sen skvamoj (kiel la *lumpo*), *ciklopteroj*. O. kun granda kapo kaj malgranda korpo, *leptocefalo*. Manĝebla riverfiŝo kun blanka karno, kiu kuirite iom ruĝiĝas, *gobio*. Iaj gobioidoj, *blenio*, *ĉoto* (malgranda kun dika kapo), *zoarko* (speco de blenio). Maldika ostfiŝeto kiu sin kaŝas en la mara sablo, *ekvilo*. Alia manĝebla riverfiŝo, *ezoko*; iaj ezokoidoj, *belono*, *alepocefalo* (kun senskvama kapo, vivanta en Mediteraneo). Plejgranda riverfiŝo, *siluro*. O. kovrita de grandaj malmolaj skvamoj, *sklerodermoj*. Specoj de sklerodermoj, *balisto*, *ostracio*. Rapidnaĝanta o. kun alta dorsa naĝilo, *timalo*. Ia mara ostfiŝeto, *hepadogastro*. O. kies korpo estas longa kaj kovrita de malgrandaj delikataj skvamoj, kaj la radioj de siaj naĝiloj estas artikhavaj, *gadoidoj*. Specoj de gadoidoj, *gado* (fiŝkaptata en Nord-Atlantiko), *merlango*, *merluĉo*, *molvo*, *moruo*, *eglefino*; gado kaj merluĉo estas plej bongustaj. Plata o. kun la malsupera flanko blanka, kaj la okuloj kaj la buŝo ĉe la supera, *pleŭronekto*. Iaj pleŭronektoj, *fleso*, *hipogloso*, *limando* (mara), *plateso* (kun ruĝaj makuloj), *rombofiŝo* (romba), *soleo* (plejkonata). Ia malakopterigio simila al pleŭronekto, *akiro*.

Akantopterigiaj o-j.—Manĝeblaj longformaj o-j., kun multenombraj dentoj, *perkoidoj*. Iaj perkoidoj, *labro*, *labrako*, *lojto*, *loriko* (simila al labro, vivanta en Mediteraneo), *perĉo*, *perko*, *sandro*. O-j. kun grandegaj skvamoj, *sparoidoj*. Iaj sparoidoj: kun skvamoj kaj vangoj orkoloraj (*krizofriso* aŭ *orfiŝo*, *korifeno*), sen skvamoj ĉe la buŝo (*sparo*), simila al tino (*bopso*). Ruĝa o. kun osta kapo pli dika ol la korpo, *triglo*; ia trigloido, *gurnardo*. Bongustaj o-j. sendentaj kun malgrandaj skvamoj kaj vertikalaj senskvamaj naĝiloj, *skombroidoj*. Iaj skombroidoj: granda, per kies karno oni faras konservnutraĵon, *tino*; similaj al tino, *amio*, *bonito*, *cepolo*; kiu kutimas sekvi la ŝipojn, *naŭkrato* aŭ *pilotfiŝo*; 4 ĝis 6 metroj da longo kaj kies kapo estas provizita de speco de longa spado el eburo, *spadfiŝo* aŭ *ksifio*. Aliaj skombroidoj, *orcino*, *sardo*. Dolĉakva o., kiu konstruas neston kaj havas la dorson provizitan de iaj dornoj, *gasterosteo*. Maraj o-j., kies unua dorsa naĝilo estas provizita de venenaj pikiloj, *trakeno*; kun skvamohava korpo kaj dornohava kapo, *skorpeno*; kun du dorsaj naĝiloj kaj cilindra korpo, *mugilo* (*mugelo*, laŭ Verax); sen dentoj ĉe la vomero kaj palatino, *skieno*; kiu saltas super la mara supraĵo, dank' al grandeco de siaj torakaj naĝiloj, *daktiloptero*. Aliaj o-j., *kantaro* aŭ *kantaruso*, *lofio* (el Mediteraneo).

Ia fosilia fiŝo, *amfiokso*. Maraj mamuloj similantaj fiŝojn, *ketacoj*.

* * *

**Batrakoj** (aŭ *amfibioj*, ĉar ili vivas en la akvo kaj sur la tero).—Ŝanĝo okazanta ĉe la b. de la eloviĝo ĝis la plena korpiĝo, *metamorfozo*. Amaso da ovoj de iaj b-j., *frajo*. Nigra vosthava b. kun flavaj makuloj, kiu surĵetita sur fajro sekrecias ian likvaĵon, *salamandro*; ia genro de salamandroj, *trito*. Senvosta b., *bufo*; speco de bufo, *bombinatoro*. Senvosta bufosimila b., vivanta en marĉoj, *rano*; la *ranido* havas voston, sed ne krurojn kaj nur vivas en akvo. La senvostaj b-j. (kiel bufo kaj rano), *ekaŭdatoj*. Ia ranoido verda supre, kiu supreniras al arboj, *hilo*. B. fiŝosimila, vivanta en la maro kaj riveroj de la Amazona lando, *lepidosiro*. Dolĉakva b. el Meksikio, *aksolto*.

* * *

**Ĝeneralaĵoj pri reptilioj.**—Fako de la zoologio pri la r-j., *erpetologio*. Ordo de r-j. senpiedaj, kiuj sin movas rampe kaj havas cilindroforman korpon kovritan per skvamoj, *rampuloj* aŭ *serpentoj*; kiu havas kvar piedojn kaj haŭton kovritan per skvamoj, *saŭrioj*; grandaj, kvarpiedaj, el varmaj landoj, kun ostaj dorsaj skvamoj, *krokodiloj*; kun sendenta bekosimila buŝo kaj forta kiraso, kiu ŝirmas kaj kovras la korpon, *kelonioj*.

**Serpentoj.**—Serpentego el intertropika Ameriko, *boao*. Dika kaj longa s. el Hindujo, *pitono*. Nedanĝera serpenteto, *kolubro*. S. ofte konfuzata kun la vulgara kolubro, *akontiaso*. Iaj venenaj s-j., *aspido, bungaro, cerasto* (malgranda), *vipuro* (*vipero*, laŭ Verax; ĝi estas malgranda, kun triangula kapo). Serpentoj similaj je vipero, *peliado, ekido, ekidno*. Blinda s. el intertropika lando, *cecilio*. Tre venenaj s-j. el Ameriko kun triangula kapo, *trigonocefalo, botropso*. S., kies ekstera dermo estas kovrita de multegaj malgrandaj tuberkloj, *akrokordo*. S., kies vosto estas provizita de sonora aparato, *krotalo*.

**Saŭrioj.**—S. kies longa korpo estas kovrita per skvamoj, *lacerto*. Kolorŝanĝa lacerto, *ĥameleono* aŭ *kameleono*. Specoj de lacertoj, *bazilisko* (el Ameriko), *geko* (malgranda kaj nokta), *gongilo, moloko* (el Aŭstralio, malbelega kaj tre kurioza), *monitoro* (ĝi krias fajfe ĉe la proksimiĝo de krokodilo), *salvatoro*. Granda s. el Sud-Ameriko, kun la antaŭa duono de la korpo malhelverda aŭ dubeblua, kaj la posta verdeflava, *igvano*. Iaj igvanoidoj, *agamo, amblirinko* (el Kalifornio). Nedanĝera s. sen membroj, similanta serpenton, *angviso*.

Granda fosilia lacerto, *megalosaŭro*. La fosilia s., *brontosaŭro*. Granda mara s. el la sekundara epoko, *iĥtiosaŭro* (*iktiosaŭro*, laŭ Verax). Fosiliaj s-j. de ĉiuj formacioj de la sekundara epoko, el malgranda kranio kaj grandaj malantaŭaj ekstremaĵoj, kaj kies grando varias ekde kato ĝis kvinmetra alto kaj dudekkvarmetra longo (la *diplodoko*), *dinosaŭro*. Flugilhava s. similanta vesperton, kiu vivis dum la ĵurasa formacio, *pterodaktilo*. Granda s. el la kretacea formacio, *igvanodonto* (*igvanodo*, laŭ Verax).

**Krokodiloj.** — Specoj de krokodiloj, *aligatoro* (el Ameriko), *gavialo* (el Hindujo).

**Kelonioj.**—Substanco malmola el kiu konsistas la karapaco de la kelonioj, *keloniaĵo, keloniskvamo*. Kelonio, kies kiraso havas truojn por la kapo, kruroj, kaj vosto, *testudo*. Dolĉakva testudo, *emido*.

## XVII. — BIRDOJ

**Ĝeneralaĵoj pri birdoj.**—Fako de la zoologio pri la b-j., *ornitologio*. Vojaĝo de iaj birdoj, kiuj periode iras de lando pli varma al pli malvarma aŭ kontraŭe, laŭ la sezonoj, *elmigro*; b-j., kiuj elmigras, *migrantaj, migremaj, migraj*. Longo de la etenditaj flugiloj de b., *enverguro*. Sin teni la b. en aero ne movante la flugilojn, *ŝvebi*.

## Klasifiko de birdoj.

| | | | ORDOJ |
|---|---|---|---|
| Kun la fingroj kunigitaj per membranoj por naĝi (najbaraj je fiŝoj)........ | | | *palmipedoj.* |
| La kvar fingroj malkunigitaj ........ | Longa beko, longaj kruroj............ | | *longkrurbirdoj.* |
| | Mallonga beko, sed forta; mallonga flugado .................................. | | *kokbirdoj.* |
| | Mallonga malforta beko, grandaj flugiloj .................................. | | *kolombabirdoj.* |
| | Tri fingroj antaŭen kaj unu posten, aŭ la kvar antaŭen. Ili manĝas ............ | ...birdojn kaj mambestojn.. | *rabobirdoj.* |
| | | ...insektojn kaj semojn...... | *paseroj.* |
| | Du fingroj antaŭen kaj du posten. Preni la manĝaĵon per la piedoj........... | ...ili ne povas.. | *kukolbirdoj.* |
| | | ...ili ja povas.. | *prenantabirdoj.* |
| | Ili kuras multe, sed ne povas flugi. Ili povas urini........................ | | *kurbirdoj.* |

**Palmipedoj.**—P. kun la piedoj tiel posten ke ĝi devas marŝi kun la korpo preskaŭ vertikale, *kolimbo*; estas kolimboj nigragorĝa, rufagorĝa, granda kaj blankabeka. Kolimboido kies plumoj estas uzataj kiel ornamiloj, *grebo* aŭ *podicepso*; ĉefaj specoj, hupa (granda), kornohupa, orelhupa aŭ nigrakola, rufkola aŭ grizvanga, longbeka kaj rivera (malgranda).

Kolimbosimila p. el nordpolusa maro, *gilumo* aŭ *urio*; estas gilumoj nordatlantika (granda), okulringa, dikbeka. la nigra gilumo, *tisto*; specoj, arkta kaj kolomba aŭ velurnigra. la malgranda gilumo, *mergulo*. la gilumo preskaŭ senflugila, *alkao* aŭ *pingveno*; specoj, granda, akrabeka. Alkao el nordglaciaj regionoj, *fraterkulo* (*fraterkolo,* laŭ Verax) aŭ *frateto* aŭ *marpapago*; estas specoj nordatlantika, pacifika kaj arkta.

Longflugila p., kiu fiŝkaptas eĉ dum ventopluvegoj, *ŝtormbirdo*. laj ŝtormbirdoj, *fulmaro* (arkta), *petrelo* (specoj, malgranda, meksika forkvosta) aŭ *procelario* aŭ *talasidromo*, *albatroso* (aŭ *albatro,* laŭ Verax; procelariosimila el Suda Maro); *pufeno* (specoj, angla, granda, cindra aŭ mezmara, fulgogriza).

Longflugila blanka aŭ dubeblanka p. kun nigraj makuloj ĉe la ekstremo de la flugiloj, kaj vivanta ĉe la marbordoj kaj riverbordoj, *mevo*; ĉefaj specoj, cindra, kolomba aŭ suberoza, mezmarinsula, plumbakapa, nigrakapa aŭ mezmara, blankokula, malgranda, trifingra. Ia mevoido, pli longa ol 50 cmj., *laro*; specoj, arĝentkolora, flavkrura aŭ grizmantela, nigramantela, boreala, nigrokula (granda), blankaflugila, nigrakapa, burgomastra, flavokula (granda, el arktaj maroj). Iaj mevoidoj *rabmevo* aŭ *lestro* (specoj, mallongvosta, parazita, pomarena, longflugila); *kitimevo*; *ridmevo* (nigrakapa); *rozmevo* (kojnovosta); *ksemo* (forkvosta; ia speco estas arkta); *blankmevo* (ebura). Longflugilaj p-j., kiuj flugas tre rapide, *marhirundoj* aŭ *ŝternoj*; specoj, malgranda, ruĝbeka (granda), nigrabeka, blanketa, roza, fulga, arkta.

Grandaj p-j., kun membrana poŝo en la beko, *pelikanoj*; specoj, rozeta, krispa. Iaj pelikanoidoj, *sulo*, nordatlantika sulo aŭ *stultobirdo*. Granda pelikanoido nigra kun malgrandaj bekoj, *markorvo* aŭ *kormorano* aŭ *korakso* aŭ *hidrokorakso*; specoj, granda, malgranda, duhupa. Maraj pelikanoidoj, kies flugo estas tre rapida, la viro estas nigra kaj la ino blanka, *fregatbirdo, takipeto*.

Kortaj p-j. el larĝaj bekoj, *gansoj*; specoj, cindrogriza aŭ sovaĝa, rikolta, kampa, etbeka, blankafrunta, malgranda, hiperboreala aŭ *neĝoganso*, cigna. Ia genro de gansoj, *bernaklo*; specoj *rufkolganso, monaĥinganso, nilganso* aŭ *vulpoganso* (el Egiptujo, spronflugila), *kanadganso*.

P-j. longakolaj kaj lamenbekaj, *cignoj*; specoj, *kantocigno* (nigreflavbeka), *mutcigno* (ruĝabeka), malgranda, trumpetanta, nigrakola, nigra (tre malofta), nevariebla.

P-j. kun la bekoj pli larĝaj ĉe la ekstremo ol ĉe la bazo, *anasoidoj*. Genroj de anasoidoj, *anaso* (specoj, sovaĝa, hejmebla, diversgriza, pintovosta aŭ akravosta); *fazananaso* (ĝi estas granda); *fajfanaso* (specoj, eŭropa kaj amerika), *platbeko* aŭ *rinkapso* aŭ *platbekanaso* (el tropika Ameriko), *gansanaso* aŭ *tadorno* (specoj, marborda kaj rusta aŭ nesalakva), *krekanaso* aŭ *kerkedolo* (specoj, bluflugila, malgranda, mallarĝbeka aŭ marmora), *mantelanasego, klukanaso, belanaso* (ia speco, la karolina), *fuligulo* (*fuligolo*, laŭ Verax) aŭ *merganaso* (specoj, rufkapa, rufohupa, nukhupa, blankokula, mara); *klangulo* (*klangolo*, laŭ Verax; ĝi estas migranta p.; specoj, orokula, islanda kaj amerika); *arktanaso* (longvosta); *arlekanaso* (migranta); *nigranaso* aŭ *ojdemio* (specoj: tuberbeka, oranĝbeka, okulringa); *molanaso* aŭ *ejdero* aŭ *somaterio* (specoj, eŭropa, grizkapa, siberia); *blankkapanaso* (el malnova kontinento).

Riverbordaj p-j. el glaciaj landoj, similaj al anaso, *mergoj* (specoj, malgranda, hupa, granda aŭ *gansomergo*, longbeka).

Gansoidoj, cignoidoj kaj anasoidoj (pro sia dika beko, kies bordoj havas denthavajn lamenetojn) formas grupon, kiu estas nomata *lamelirostroj*.

Aliaj p-j., *aptenodito* aŭ *brakiptero* (el glaciaj maroj, kaj naĝas sub la akvo ĉar siaj flugiloj taŭgas kiel naĝiloj), *herdekolo* (marĉa), *krizokomo* (norda aptenodito).

**Longkrurbirdoj** (aŭ *stilzbirdoj*, ĉar siaj senplumaj kruroj similas stilzojn).—L. kun dika forta pinta beko, tranĉanta ĉe la ekstremoj, *cikonioidoj*. Cikonioidoj kun mallonga beko kaj malgranda kapo, *gruoj*. Genroj de gruoj, *gruo* (specoj, cindrogriza, blanka aŭ rusazia, dancanta aŭ numidia), *pavgruo* aŭ *baleariko*, *agramio* (sudamerika). Cikonioido kun longa kolo kaj tufo el plumoj post la nuko, *ardeo*. Genroj de ardeoj, *herono* (specoj, cindrogriza, nigrokapa, vila, egipta aŭ ibisa), *bovbirdo* aŭ *butoro* aŭ *botaŭro* (rimarkinda pro sia tre alta bleko; specoj stelmakulita aŭ granda, malgranda kaj amerika), *noktoherono* (kvakanta), *egreto* (ĉasata pro la beleco de siaj blankaj plumoj; specoj, granda kaj malgranda); *spatolo* aŭ *spatulo*; *tantalo*; *bovgardulo* (malgranda). Cikonioido granda kies fingroj estas kunigitaj per membranoj, *cikonio* (specoj, blanka, nigra). Cikonioido kun senhara kapo, el Afriko kaj Hindujo, *leptopilo*. Iaj cikonioidoj neeŭropaj, *mikterio*, *plataleo*, *skopo*, *anastomo*.

L. kun longaj maldikaj bekoj, *longirostroj*. Ia akva l. el la tropikaj landoj, *paro*. L-j. el Sud-Ameriko, *kamiĉo*, *palamedeo*, *kaŭralo* (el tropika Ameriko). Ia l. tre simila al cikonio, *dromo*.

L. kun tre longaj kolo kaj kruroj, *fenikopteroj*. Genroj de fenikopteroj, *spatelbeko* (blanka), *flamanto* aŭ *flamingo* aŭ *flamengo* (ia speco la *flambirdo*, havas lamenbekon kaj rozkolorajn kaj ruĝajn plumojn).

L. kun maldikaj longaj kruroj kaj malforta maldika beko, *ibiso* (specoj, religia, brunbrila aŭ *kurlibiso* aŭ *falĉilbeko*).

L. kun dika kapo, cilindra beko kaj mallonga kolo, *pluvioido*. Genroj de pluvioidoj, *ŝtonkurlo* (kun grandaj okuloj, vivanta en Eŭropo); *takidromo* (sablobruna kaj kurema); *hirundopluvio* aŭ *glareolo* (specoj, mara, stepa, herbeja); *pluviano* (kiu persekutas krokodilojn); *kibito* aŭ *vanelo* (specoj, apudakva aŭ hupa, sociema aŭ stepazia, blankvosta, spronarmita); *karadrio* (specoj, griza, konfidanta aŭ *mornelo*, koluma, rivera, marborda, stepa aŭ kaspia, dikbeka; la kvin lastaj estas malgrandaj); *tringo* (platbeka, malgranda, blankvosta, mara, granda aŭ *kanuto*, alpa aŭ nigrakropa); *sablotringo* aŭ *kalidro*

(ĝi vivas en marĉoj aŭ en marbordoj; specoj, *sanderlingo* de Anglujo kaj Nederlando, kaj boreala); *strepselo* aŭ *turniŝtono* (boreala, vivanta en marĉoj kaj simila al karadrio); *bekaso* aŭ *skolopo* (kun la okuloj posten, kaj la supera mandiblo pli longa ol la malsupera; specoj, marĉa aŭ *galskolopo* aŭ *galinago*, malgranda, arba aŭ *rustikolo*, granda aŭ *dublo* ankaŭ vivanta en marĉoj); *falaropo* (specoj, hiperboreala, platbeka); *kurlo* (specoj, stepa kaj granda, marĉa aŭ mezgranda aŭ *feopo*, eskima aŭ malgranda, mezmara, marborda aŭ *numenio*, *marpigo* aŭ *hematopo*, *avoceto*, *kruregio* aŭ *himantropo*; la tri lastaj estas el malnova kontinento).

L. kun mallonga forta beko, longaj fingroj kaj dika korpo, similanta kokinon, *galinoido*. Genroj de galinoidoj, *akvokoketo* (specoj, makulita, olivbruna aŭ malgranda, nana), *kreko* (herbaĵa), *galinulo* (*galinolo*, laŭ Verax) aŭ *akvokoko* (ĝi estas verdkrura); *sultankoko* aŭ *porfirio* (specoj, blua, smeraldadorsa, nana); *fulko* (ĝi vivas apud la marĉoj; specoj, nigra kaj krestohava aŭ nordafrika); *ralo* (eŭropa akvama); *stardo* aŭ *otiso* (specoj, granda, malgranda aŭ *tetrako*, azia kolumhava, afrika blankahupa), *alektoro* (sovaĝa).

L. vivanta en ŝlimo, *ŝlimbirdo*. Genroj de ŝlimbirdoj, *limozo* (specoj, nigravosta, griza aŭ longkrura, rusa), *kunbatanto* aŭ *duelbirdo* aŭ *maĉeto* (eŭropazia), *marpipio* (specoj, eŭropazia, makulita aŭ amerika), *terekio* (rusazia), *akvokavaliro* aŭ *totano* (simila al skapolo; specoj, verdakrura, arbara aŭ malgranda, olivkrura aŭ granda, ruĝkrura aŭ *gambeto*, longvosta, duonpalmopieda, makulita aŭ *arlekeno*, *stagnokavaliro*).

Fosilia l. dufoje pli granda ol homo, renkontanta en la aŭstralia pleistoceno, *dinornito* (*dinorniso*, laŭ Verax). Speco de dinornito de Madagaskaro, simila al struto, *epiornito* (*epiorniso*, laŭ Verax).

**Kokbirdoj.** — K. kun senplumaj vangoj, ergoto kaj longa vosto, *fazanoido*. Genroj de fazanoidoj, *fazano* (kun longa belkolora vosto kaj bongusta viando; specoj, kaŭkaza, orkolora, diamanta, diverskolora, nigrablanka aŭ arĝenta, blankakola aŭ el Manĉurio, adorata aŭ reĝa); *koko* (kun ruĝa kresto kaj bongusta viando; la ino metas bongustajn ovojn; la kastrita grasiga koko estas nomata *kapono*); *pavo* (kun vosto diverskolora ventumilforme etendebla; specoj, blanka, kortbirda); *numido* aŭ *perlokoko* aŭ *pintado* (kiel koko, sed kun tufo el plumoj anstataŭ kresto); *gango* aŭ *pteroklo* (specoj, nigraventra, akravosta, rusazia aŭ trifingra aŭ *stepkoko*).

K. fazanoidosimila, sed kun pendanta karnaĵo sur la beko, *meleagro* (kun bongusta viando; specoj, *dindo* aŭ *hinda koko*, nordafrika aŭ *trifingrio*).

K. kun malgranda kapo, plumhavaj vangoj kaj mallonga vosto, *tetraoido*. Genroj de tetraoidoj: *neĝperdriko* aŭ *lagopo* (specoj, vintreblanka, skotlanda, arkta, boreala aŭ muta, spicberga, tetrina; la lasta estas hibrido de neĝperdriko kaj tetrino); *tetrao* (specoj, urala, *urogalo*, lirvosta aŭ arbokampa aŭ *tetro*, *urogalintetro*, neeŭropa aŭ *bonasio*, avelarbara, grizventra; la du unuaj estas grandaj; la du lastaj, malgrandaj); *koturno* (el Eŭropo kaj Azio, kun bongusta viando); *perdriko* (griza, kun delikata viando); *rokperdriko* (specoj, sudeŭropa, rufa, *ĉukaro*, berbera aŭ sarda); *frankolino* (*frankoleno*, laŭ Verax; ĝi loĝas sur la arboj); *ortikso* (amerika); *tinamo* (amerika).

la kokbirdo el intertropika Ameriko, *krakso*; el Hindujo, rimarkinda pro sia bela plumaro, *lofoforo*.

**Kolombabirdoj.** — Genroj: hejma aŭ *kolombo* (ia kurioza speco estas la *kurierkolombo*); sovaĝaj, *palumbo* aŭ *bokolombo* (arĝentokola), *enaso* aŭ *arbokolombeto* (kun nigra vosto kaj ruĝa brusto), *livio* aŭ *montokolombo* (blugriza vivanta en rokoj de la marbordoj norvegaj, anglaj kaj sudeŭropaj; el ĝi devenas ĉiuj specoj de hejmaj kolomboj); *lofiro* (hinda).

Malgranda k. kun longa ronda vosto, *turto* (specoj: migranta, eŭropa aŭ *turturo*, kantanta; la lasta el Azio kaj Afriko).

**Rabobirdoj.**—Tiu ordo enhavas precipe tri familiojn: *falkoidoj* (diurnaj), *vulturoidoj* (diurnaj) kaj *strigoidoj* (noktaj).

*Falkoidoj* estas plej kruelaj r-j., havas kurban bekon, pintajn ungojn kaj longajn flugilojn.

Subfamilio de falkoidoj, kun rondaj flugiloj kaj tarsoj kovritaj per plumoj, *aglo*. Genroj: *aglo* (specoj, orbruna aŭ nordeŭropa aŭ nardazia, nobla, roka aŭ monta, reĝa aŭ blankdorsa, hispana aŭ blankŝultra, strivosta aŭ mezmara, helventra aŭ bota, brunventra aŭ malhela); *stepaglo* (specoj, rusa aŭ ukrania), *kriaglo* (specoj, rusa aŭ granda, mezeŭropa aŭ malgranda); *maraglo* aŭ *pigargo* (specoj, blankvosta aŭ granda aŭ malnovkontinenta, nigravosta aŭ longvosta aŭ rusazia, blankakapa aŭ usona); *serpentaglo* aŭ *cirkaeto* (speco, malnovmonda aŭ etfingra aŭ *buzaglo*); *fiŝagleto* aŭ *pandiono* (speco, rivera laga strivosta tutmonda).

Subfamilio de falkoidoj kun longaj flugiloj, longa vosto pli larĝa ĉe la ekstremo ol ĉe la bazo, kaj mallongaj tarsoj, *milvo* (specoj, reĝa aŭ granda, nigra, nigrorela, egipta aŭ parazita aŭ flavbeka, nigraflugila aŭ *elanio*, amerika aŭ *hirundomilvo*).

Subfamilio de falkoidoj kun beko kurbigita ekde la bazo, rondaj flugiloj, longaj tarsoj kaj fingroj, kaj akvaj ungoj, *akcipitro*. Genroj

## INSTITUTO ESPAÑOL DE ESPERANTO

**Tercera lista de diplomas expedidos por el Instituto.** (Véanse los números 13 y 32 de la Revista).

*De «supera kapableco».*—44, D. Luis Santamarina Pedrayo (Orense); 45, D. Feliciano Oliván (Cartagena); 46, D. Hipólito S. Luengo (Orense); 47, D. Manuel Monteagudo (La Coruña); 48, D. Samuel Roca y Rodó (Barcelona); 49, D. Javier Marauri y Mendoza (Madrid).

*De «elementa kapableco».*—227, Srta. Luzdivina Peláez Prado (Gijón); 228, D. Manuel Colinas Núñez (Madrid); 229, D. Manuel Rubio Doncso (Madrid); 230, D. Luis Cardona Prado (Yebra, Guadalajara); 231, D. Luis Santamarina Pedrayo (Orense); 232, D. Arturo Francisco Lorido (Castropol, Oviedo); 233, D. Hipólito S. Luengo (Orense); 234, D. José Peris (Catarroja, Valencia); 235, D. Gaspar Vilar (Valencia); 236, D. Samuel Roca y Rodó (Barcelona); 237, D. Javier Marauri y Mendoza (Madrid); 238, D. Amado Hernández (Zamora); 239, D. Ricardo Avilés Pellicer (Valencia); 240, Srta. Adela Hoyo García (Cheste, Valencia).

**Renovación de cargos.**—Vacante el puesto de presidente por fallecimiento de D. Mariano Mojado, el vicepresidente D. José Perogordo ofreció este cargo a D. Vicente Inglada, puesto que es *akademiano* y no obstante su baja en el Instituto; pero, habiendo rehusado este samideano aceptar la presidencia, ha sido elegido para ella, en la sesión celebrada el 3 de junio, D. Vicente Alonso (Madrid). En la misma sesión presentó su dimisión el vicepresidente D. José Perogordo, y fué designado para sustituirle D. Luis Rodríguez Escartín. Ambos cargos con carácter provisional.

D. Vicente Alonso ha entregado la adjunta nota para su publicación:

«Nepra neceso devigas min akcepti la prezidantecon de Hispana Esperanto-Instituto. Mi havas la certecon ke tre baldaŭ (post tri-kvar monatoj), mi povos esti anstataŭata de persono havanta plenajn meritojn kaj kapablon por okupi tian gravan postenon. Mi esprimas mian kondolencon pro la morto de la unua Institutprezidanto kaj salutas tutkore frate kaj amike la tutmondajn esperantistojn.—*Vicente Alonso.*»

**Nuevos institutanoj.**—Con arreglo al artículo 3.° del Reglamento, el Instituto tiene a lo sumo cuarenta miembros. Por las razones indicadas en el número 13 de la Revista, se reservan las vacantes ocasionadas por la baja de los señores Maynar, Piñó, Caplliure, Luna y Jiménez Mora. Por las mismas razones se reserva tam-

bién la producida por la reciente baja de D. Vicente Inglada. Quedan treinta y cuatro puestos.

Como actualmente hay 21 institutanoj, hay trece vacantes.

De los samideanos indicados en la sesión del 2 de julio de 1934 (número 39 de la Revista) para cubrirlas, se hallan en posesión del diploma de *supera kapableco* y, por tanto, en condiciones de ser *institutanoj*: D. Julián Sosa, D. Salvador Oliván, D. Manuel Monteagudo, D. Hipólito S. Luengo, D. Javier Marauri y D. Luis Santamarina. Hasta fin de julio actual se recibirán votos de los *institutanoj* a favor o en contra de la admisión de estos nuevos miembros, computándose las abstenciones como votos a favor.

Madrid, 1.° de julio de 1935.—El secretario, *Fernando Redondo.*

---

## MI VOKAS LA JUNULARON DE L' MONDO!

Kiel la mondhelplingvo ESPERANTO, tiel la ideo de l' novtempaj OLIMPIAJ LUDOJ estas destinita kaj kapabla, servi al ĉiuj popoloj de la mondo.

En 1894 la barono Pierre de Coubertin renovigis—en kongreso de la sportpopoloj de l' mondo, kunvokita por tiu celo al la Sorbonne en Paris—la Olimpiajn Ludojn, kiuj dum unu kaj duona jarmiloj estis dormintaj. Por aranĝi la ludojn, oni konservis la klasikan interspacon de kvar jaroj. Sed dum la ludoj en la antikva tempo okazis ĉiam en la sama loko, nome en Olimpio, oni decidis en Paris, ke ili migru, tiel, ke ĉiuj nacioj de l' mondo povu gastigi ilin unu fojon aŭ kelkajn fojojn kaj povu esti entuziasmigataj de ili.

Do la unuaj ludoj ja estis aranĝataj 1896 en Athen, por honori la landon, en kiu la ideo naskiĝis; sed jam la festo de l' dua olimpiado okazis en Paris 1900. Sekvis 1904 St. Louis (Usono), 1908 London kaj 1912 Stockholm. La ludoj de l' sesa olimpiado, por kiuj Berlin jam estis fininta la preparojn, ne okazis. Poste Eŭropo vidis la sepan, la okan kaj la naŭan olimpiadojn; 1920 en Antwerpen, 1924 en Paris kaj 1928 en Amsterdam; kaj nur en 1932 ree la amerika kontinento gastigis la konkursantojn pri la olimpa laŭro, nome en Los Angeles.

De post ilia reveko la Olimpiaj Ludoj ampleksas ne nur la sportojn, kiuj estas praktikataj neprofesie. De 1924 al la someraj ludoj estis aldonataj vintraj ludoj, kiuj okazis 1924 en Chamonix, 1928 en St. Moritz kaj 1934 en Lake Placid. De 1908 kun la sportaj konkursoj estis ligita artkonkurso sur kvin kampoj, kiu elmontras la tutmondan

influon de l' sporta movado al pentrarto, skulptarto, arkitekturo, literaturo kaj muziko.

Kiel lokon de l' 11ª olimpiado la Internacia Olimpia Komitato destinis la urbon Berlin kaj aprobis Garmisch-Partenkirchen por arangô de la Kvaraj Olimpiaj Vintraj Ludoj. Do oni festos la 1-16 de aŭgusto de 1936 la 11-an olimpiadon en Berlin; la 6-16 de februaro 1936 antaŭiras la Olimpiaj Vintraj Ludoj en Garmisch-Partenkirchen.

Laŭ la ĝisnunaj sinanoncoj la germana organiza komitato kalkulas je grandioza partopreno de la tuta mondo. La simbolo de la Berlin-aj ludoj, la sonorilo kun la surskribo: «Mi vokas la junularon de l' mondo!», sonante prologos la feston antaŭ la elita sportjunularo de 50 nacioj. Ankaŭ ties samlandanoj, eĉ la tuta sportema mondo ĉeestos, por ke la nekompareblaj konkursoj okazu antaŭ la okuloj de la entuziasmigitaj sportamantoj kaj por ke la teamoj, stimulataj per alvokoj de siaj amikoj kaj samlandanoj, atingu maksimumajn sukcesojn.

Germanujo per tuta forto kaj je sia propra honoro penadas, fari la feston kiel eble plej sukcesa kaj entuziasmiga. La preparoj estas tiom grandegaj kaj ampleksaj, ke neniu vizitinto iam forgesos siajn travivaĵojn. Ĉiuj fortoj de l' sporto, de l' artoj kaj de l' ŝtato estas mobilizitaj. La tuta germana popolo kore bonvenigos la vizitantojn de la 11ª olimpiado. Ili rakontos pri germana gastamo, kiam ili estos revenintaj hejmen. *Organiza Komitato por la XIª Olimpiado.*

* * *

Oni petas publikigon de traduko de tiu cirkulero sur la hispana ĵurnalaro kaj sendon de la koncernaj ĵurnaloj po du ekzempleroj al la Organiza Komitato por la XIª Olimpiado (Berlin Charlottenburg, Hardenberg strasse, 43, III), kiu afable sendas informojn kaj propagandan materialon, laŭ peto.

Se esperantlingvaj leteroj alvenas grandnombre al Organiza Komitato, estas probable ke Esperanto estu unu el la oficialaj lingvoj de la Olimpiado.

## NEKROLOGO

Ni kondolencas nian estimatan samideanon S-ro Francisko Gorgues pro la morto de lia kara patrino, S-rno Rosa Torredeflot, okazinta la 28-an de majo. Ke ŝi ripozu pace!

Ni dankas la revuon «Boletín de la Cruz Roja Española» pro ĝia kondolenco okaze de la morto de nia samideano pastro Mariano Mojado.

## KONGRESOJ DE ESPERANTO

Dum la ĵus pasinta printempo okazis la jenaj kongresoj de Esperanto: de la 17ª ĝis la 20ª de majo la 30ª skota en Rothesay (la «Madeira insulo» de Skotlando); de la 7ª ĝis la 11ª junio la 26ª brita en Southend-on-sea, la plej proksima marbordurbo al Londono; la 9ª kaj 10ª de junio la 8ª jugoslava en Osifeko; de la 8ª ĝis la 10ª de junio la 24ª belga en Brugge; kaj de la 9ª ĝis la 11ª de junio la 17ª de la Kataluna Esperanta Federacio en Ripoll (Hispanujo). Ĉiuj estis sukcesoj.

Okaze de la skota kongreso la tieaj samideanoj eldonis belan anoncon angle kun vidaĵa landkarto. Kaj okaze de la kataluna Iberia Esperanto-Servo reeldonis la broŝuron *La Rondo* (esperantista danco (eldonita en 1909, prezo unu peseto aŭ du respondkuponoj), kaj *Ripoll*, bela broŝuro 132-paĝa kataluna kaj esperante verkita kun interesaj informoj de Ripoll kaj ĝia monaĥejo, kaj kun pli ol kvardek ilustraĵoj (prezo du pesetoj aŭ kvar respondkuponoj). Ambaŭ verketoj estas haveblaj ĉe Iberia Esperanto-Servo, strato Provenza, 75. Barcelono.

Dum la nuna somero okazos, krom la XXVIIª Internacia Kongreso de Romo: En Arnhem internacia perfektiga kurso (8-13 julio), seminario por Cshe-metodaj instruistoj (15-20 julio), internacia kunveno de esperantistaj instruistoj (25-29 julio) kaj vizitoj de britaj karavanoj al la Esperanta-Domo (3-11 kaj 17-25 aŭgusto). En Krakow, la VIIª pola kongreso (29-30 junio). En Spala, la XIIIª Internacia Tendaro de Esperantistaj Skoltoj; ĝi komencos la 11-an de julio kaj oni petas ke ĉiu esperanta societo sendu sur oficiala leterpapero (kaj ĉiu esperantisto sur ilustrita poŝtkarto) saluton al la partoprenantoj de la Tendaro; adreso de la Organiza Komitato: Lelewala, 9, m. 2, Krakow, Polujo.

---

## ENLANDA KRONIKO

*Ferrol.*—Daŭrigante la laboron komencitan de la nacia profesoro S-ro Ludoviko Cereijo, nia samideano S-ro Antonio Porta gvidas kurson de Esperanto en la lernejo de tiuurba Azilo kun ĉeesto de multaj geinfanoj.

* * *

*Zaragoza.*—La societo «Zaragoza Esperantisto» (strato Candalija, 7, 1ª etaĝo, 11ª ĉambro) titoliĝas de nun «Esperanto» (Kultura Klubo), kaj kun ĝi kunfandiĝis diversaj esperantistaj rondoj de Zaragoza,

sumante entute 120 membrojn; ĝi apartenas nek al H. E. A., nek al Hispana Konfederacio.

La urba gazetaro raportas amplekse la starigon de la nova societo, al kiu ni deziras grandan sukceson en la propagando de nia lingvo.

* * *

*Torrelavega (Santander).*—Kun granda sukceso finis la kurso gvidata de tiea samideano S-ro Andrés Herrera. Plejmulto el la lernantoj nun korespondas kun fremduloj kaj interŝanĝas poŝtkartojn, poŝtmarkojn kaj esperantaĵojn. Oni jam ekpreparas por la postsomero novajn kursojn. Gratulojn al tieaj pioniroj!

## EKSTERLANDA KRONIKO

*XXVII^a Internacia Kongreso.*—Se vi sendas du respondkuponojn al «Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele, 92. Milano», vi ricevos cent glumarkojn de la XXVII^a Kongreso.

Radio-stacioj de Italujo dissendas ĉiulunde kaj ĉiuvendrede de la 18^a horo kaj 30 m. ĝis la 18^a kaj 40 m. esperante.

La numero april-maja de *L'Esperanto* (gazeto eldonata en Torino, Italio), publikigas la kvaran liston de aliĝintoj al Kongreso, kiuj jam estis en tiu dato 1.047!!

Ĉu estas eble ke vi ne aliĝis ankoraŭ, kara leganto? Kvankam sen rabatprofiton, ne prokrastu plu la aliĝon. Faru tion hodiaŭ mem!

*H. E. A. pone en conocimiento de todos los que asistan al Congreso de Roma, que tiene ya dispuestas las tarjetas para la rebaja de los ferrocarriles españoles, las que remitirá a todos los que la soliciten de esta Asociación.*

* * *

*Hungarujo.*—La hungara ministro de la Edukado S-ro. B. Hóman permesis ke en la mezlernejoj povas gvidi senpagajn Esperanto-kursojn profesoroj de la koncernaj lernejoj (1915-1935, prezidanta dekreto).

* * *

*Rozo D-ro Zamenhof.*—Neŭtrala Centro de Esperanto en Praha sukcesis ĉe la ĉeĥoslovaka rozkulturisto S-ro. Jan Böhm el Blatná, ke li nomu novan plantitan rozon laŭ nomo de nia Majstro.

La rozo «D-ro Zamenhof» estas volviĝanta kreskaĵo kun forta odoro; ĝia koloro estas brile-karmin-ruĝa kaj la fundamento de la florfolioj estas orflava. La vergetoj estas 4-6 metroj longaj kaj posedas

belegajn vaksglaceajn foliarojn. Ĉiuj rozkulturistoj ne forgesu ĝin aĉeti!—(Resumo de noto publikigita de Neŭtrala Centro Esperanto en Praha. Ĉeĥoslovakio).

* * *

*Oficiala Honorigo al la Direktoro de U. E. A.*—Lia Moŝto, Francisko I[a], la Regenta Princo de Liĥtenstejno, ĵus nomis S-ron. Rob. Kreuz, Direktoro de U. E. A., en Ĝenevo, «Princa Komerca Konsilisto», konsiderante liajn meritojn pri la fremdul-trafiko en tiu ĉi princlando. De pluraj jaroj la Direktoro de U. E. A. okupiĝas pri la turisma propagando de Liĥtesntejno pere de Esperanto. Li ankaŭ reprezentis la Registaron kiel Speciala Komisaro en niaj universalaj kaj aliaj kongresoj neesperantistaj. Al lia iniciato estas ŝuldataj la ĝis nun aperintaj 2 serioj de oficialaj poŝtkartoj en Esperanto kaj pluraj prospektoj pri la lando. Pro tio, tiu ĉi gratulinda honorigo estas samtempe rekono por la Esperanto-movado kaj pri la efikeco de Esperanto mem kiel moderna helpilo por la turismo. Ĝi estas krome indikilo, laŭ kiu direkto ni devas orientadi nian praktikan laboron.

---

## —o— BIBLIOGRAFIO —o—

GVIDFOLIOJ KAJ BROŜUROJ.—La Svisa Alpa Poŝtaro eldonis gvidfolion titolitan «Somero. 1935» kun interesaj informoj kaj belaj bildoj. Oni povas mendi senpagan ekzempleron al Direction Générale des P. T. T. Berne. Svislando.

La urbo Koŝice (Ĉeĥoslovakujo) eldonis esperantan broŝuron kiel turisma propagando. Ankaŭ senpage havebla ĉe la tiea delegito de U. E. A. S-ro M. J. Friedrich Riaditelstvo ŝtat. Zeleznic II.

* * *

LIBROJ.—*Sur sanga tero*, de Julio Baghy (Rottenbiller, u. 66, I, 20, Budapest). La aŭtoro donis romanecan formon al veraj okazintaĵoj, historiaj epizodoj kaj personaj travivaĵoj. Ĝi montras kompletan bildon pri la revolucia periodo rusa en 1918-1920 kaj pri vivo de la militkaptitoj en malproksima oriento. La verko (264-paĝoj, 13 × 18) kostas 4 svisajn frankojn (broŝurite), aŭ 5,50 (tole bindite), kaj se oni mendas kvar ekzemplerojn, la kvina estas ricevota senpage.

---

—Ĉu vi estas fraŭlo, edzo, aŭ vidvo?
—Vidvo.
—De kiam?
—De kiam mortis mia edzino.

## IO EL ĈIO

### LUDKARTARA PROBLEMO

Prenu el la ludkartaro la kvar *asojn*, la kvar *valetojn*, la kvar *ĉevalojn* kaj la kvar *reĝojn* kaj penu meti ilin sur kvar linioj tiamaniere ke en la sama linio, kolono aŭ diagonalo ne estu du kartoj de la sama nombro de punktoj (du *asoj* aŭ du *ĉevaloj*) nek de la sama koloro (du *trefoj* aŭ du *pikoj*).

Kiom da solvojn havas tiu-ĉi problemo?

* * *

### ORGEN-ENIGMO (sendita de Bruno Reichberg.)




La vortoj signifas: en la vertikalaj vicoj — 1, ludon; 2, kantadon; 3, malgrandan beston; 4, urbon en Japanujo; 5, faradon; 6, aprobon; 7, tempomezuro; 8, signon; zigzage en la 3-a kaj 4-a vicoj — nomon de ia fama persono.

* * *

### SOLVOJ DE LA ANTAŬA NUMERO

*La heredo de la onklo.*—La kvar solvoj estas $256^1 = 16^2 = 4^4 = 2^8 = m^n$. La nevoj estas $n$, la disdonota kapitalo $K = (m+1)^n$, kaj la nekonata ono $o = \frac{n}{m+n}$.

Provo: Unua solvo: $K = 257$ » $n = 1$ » $o = \frac{1}{257}$.

Dua : $K = 17^2 = 189$ » $n = 2$ » $o = \frac{1}{17}$.

Tria : $K = 5^4 = 625$ » $n = 4$ » $o = \frac{1}{5}$.

Kvara : $K = 3^8 = 6561$ » $n = 8$ » $o = \frac{1}{3}$.

*Divenaĵo.*—Silikvo.—Siliko.—Silko.

* * *

AVERTO. (Sendita de «Literatura Mondo»).

Ni konstatas, ke kelkaj samideanoj represis fragmentojn aŭ artikolojn el niaj eldonaĵoj kaj precipe el la «Enciklopedio de Esperanto», nepetinte antaŭan permeson kaj neindikante la fonton. Ni informas la esperantistaron, ke estonte ni leĝe persekutos ĉiun personon, kiu kaŭzis domaĝon al nia eldonejo per senrajta represo.

* * *

KORESPONDANTOJ PER POŜTKARTOJ, ATENTU!

Nova internacia poŝtregulo, kiu valoras de januaro 1935, postulas, ke la poŝtmarkoj, kiuj afrankas poŝtkartojn, devas esti gluitaj *sur flanko de la adreso.* Tiuj, kiuj surhavas poŝtmarkojn bildflanke, estos rigardataj kiel neafrankitaj.

(El *La Interligilo de l' P. T. T.*, de marto 1935).

* * *

ORLEANS (Francujo).—Ernesto Schweingruber, rue des Africains, 1, serĉas agadkampon en mezmara lando por entrepreno pri arbkulturo. Sciigojn per vorto «Karamba».

TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL.—Torrecilla del Leal, 17 - Teléfono 71926